ESPERANTISTO SLOVAKA
ORGANO DE SLOVAKA ESPERANTO INSTITUTO
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo
IV-a JARKOLEKTO ● OKTOBRO—NOVEMBRO 1949 ● NUMERO 10—11 (40—41)

# Ni briligu nian stelon!

Kial ni briligu nian stelon, ĉu ĝi ne brilas sufiĉe impone, ĉu la informoj el tuta mondo ne sciigas preskaŭ ĉiutage pri novaj gravaj venkoj, ĉu tio ne donas al nia stelo tutmonde novan, pli fortan brilon? Ĉu jes aŭ ne, pri tio ni povus longe diskuti, sed nun temas ne pri tiu centra stelo, sed pri ĉies propra stelo aŭ steleto.

Jes, *ĉies propra stelo*. Ĝi devas brili same en la koro kiel ankaŭ sur la jako de ĉiu samideano. Tamen, kvankam mi ofte vojaĝas, nur malofteĝe mi havis la feliĉon renkonti verdstelanon.

Ni ekzamenu iom la kialon.

Niaj organizoj havas certan, ne tute malrespektindan nombron da anoj. Tamen — laŭ kio oni povas ilin ekkoni? Laŭ nenio! Ili ne portas la stelon, ĉar kvankam ili interne tute sincere ŝatas la movadon, laboras por ĝi kaj estas eĉ emaj al oferoj, ili ne ŝatas montri sian esperantistecon publike. Ili timas priridon, malfacile toleras primokadon kaj ne estas preparitaj kaj kapablaj (fake kaj psikologie) defendi nian aferon kontraŭ la neesperantista publiko. Ili estas por-si-mem-esperantistoj.

Alia kialo estas nesufiĉo da memkonfido, kaŭzita speciale per ilia malperfekta kono de la lingvo. Ili ofte fervore propagandas, ili tre ŝatas la movadon, estas pretaj fari por ĝia prospero ĉion eblan, sed ili tamen ne montras sian apartenon al nia verda familio per portado de la verda stelo, ĉar ili timas, ke iu povus ilin alparoli surstrate kaj ili embarasiĝus, ne kapablante respondi perfekte.

Kelkaj estas tro komfort-amaj; ili timas, ke oni povus eluzi ilian apartenon al la verda familio per diversaj postuloj, servopetoj ktp.; ili volas eviti publikan intereson, ja eĉ intereson de la gesamideanoj.

Kaj nemultaj kategorie rifuzas portadon de ia ajn insigno — do ankaŭ la esperantista. Ktp., ktp.

La sekvoj de tiu ĉi neportado de insigno estas gravegaj. Se ni postulas ion por la movado ĉe iu ofico aŭ korporacio, la unua demando ĝenerale estas: Kiom nombraj vi estas? Vi diras la nombron kaj la informiĝanto nekredeme skuas sian kapon: „Mi neniam renkontis iun el vi.“ Kaj plej ofte li tute pravas. Ankaŭ en nia urbo estas same, kaj aliloke estas same. Bedaŭrinde!

Kiel forigi tiun ĉi malkontentigan staton? Kompreneble necesas antaŭ ĉio forigi ĝiajn kialojn. Ĉiu ellernu la lingvon tiagrade, ke li ne bezonu timi eventualan alparolonton; ĉiu armu sin per pacienco kaj indulga rideto kontraŭ ĉiu moko —; per ili oni povas venki eĉ la plej obstinan mokemulon. Ni armu nin ankaŭ kontraŭ tiuj, kiuj atakas kaj kontraŭas nin surbaze de scienco kaj pseŭdoscienco, antaŭjuĝoj kaj malbonvolo: ni studu serioze la lingvon, la historion kaj la nuntempan staton de la movado, ni legu almenaŭ la havigeblajn esperantistajn gazetojn, ni aŭskultu la radion kaj kunlaboru kun ambaŭ.

Sed antaŭ ĉio grave estas, ke *ni ĉiuokaze parolu Esperante kaj ĉiam portu nian verdan stelon serioze*, inde kaj kun digna fiero. Ni ne forgesu: nia unua kaj plej grava tasko estas konvinki la mondon, kaj favoran kaj malfavoran al ni (ŝajnas eĉ pli grave konvinki la favoran!), ke ni ekzistas, ke ni estas ĉi tie, ke ni estas nombraj kaj reprezentas neniel malrespektindan kaj neglektindan moralan forton. Sen tiu ĉi konvinko, sen tio, ke la mondo kalkulu je ni ne estas eble atingi ian ajn gravan kaj daŭran sukceson kaj estus nur iluzia sin-mem-trompado klopodi pri ĝi.

Do, gesamideanoj, *la estonto de nia movado estas* ne en la manoj de ŝtatestroj, politikistoj, ĉiuspecaj potenculoj kaj niaj malamikoj, sed ĝia plua sorto dependas tute de ni, de nia estonta sinteno je la problemoj kaj bezonoj de esperantismo nialanda kaj tutmonda. Sed seriozeco necesegas antaŭ ĉio.

Kara leganto, per kio vi helpos plifirmigi kaj sekurigi nian estontecon?

*EVT.*

---

Julio Baghy:

# Estas mi esperantisto

Verda stelo sur la brusto
iom palas pro la rusto.
Mi ne estas purigisto;
estas mi esperantisto.

Kuŝas ie sub tegmento
„Netuŝebla Fundamento".
Tuŝu ĝin nur la Mefisto;
estas mi esperantisto.

Polvkovrite sur bretaro
putras mia SAT-vortaro.
Tedas min la vortolisto;
estas mi esperantisto.

Gramatikon mi ne konas
kaj gazeton ne abonas...
Librojn legu la verkisto;
estas mi esperantisto.

Mi parolas kun rapido
„Bonan tagon! Ĝis revido!"
Ĝi sufiĉas por ekzisto;
estas mi esperantisto.

Pionirojn mi kritikas,
la gvidantojn dorne pikas
kaj konspiras kun persisto;
estas mi esperantisto.

Por la venko mi esperas,
sed nenion mi oferas.
Mi ne estas ja bankisto;
estas mi esperantisto.

Se baraktas en la krizo
la movado, organizo,
helpas mi nur per rezisto;
estas mi esperantisto.

Flugas per facila vento
el la buŝo Nova Sento;
ĝi sufiĉas por sofisto;
estas mi esperantisto.

Post la mort' ĉe tombo mia
staros „rondo familia",
nekrologos ĵurnalisto:
estis li esperantisto.

(El „La Vagabondo Kantas",)

# Kio okazas en ĈSR

VII.

En novembro 1949 daŭras en Ĉeĥoslovakio *Tagoj de ĉeĥoslovaka-sovetia amikeco.* Tempe ĝi harmonias kun la solenaĵoj okaze de la 31-a jubileo de nia Tago de Liberiĝo kaj la 32a datreveno de la Granda Oktobra Revolucio en USSR. La loĝantaro de ĈSR estas tre

dankema al USSR por la grandaj oferoj, kiujn la sovetaj popoloj alportis por la libereco de ČSR. Sian dankemon kaj sindonon esprimas la loĝantaro per aliĝo al la *Societo de Amikoj de USSR*. Nur en Slovakio aliĝis preskaŭ duonmiliono da novaj membroj. Krom tio estas sendota tiu ĉi salutletero okaze de lia 70-a vivjaro

## *al Prezidento de la registaro de USSR, generalissimo J. V. STALIN*

Kara kamarado Stalin!

Alproksimiĝis la granda festo de la tuta progresema homaro, la sepdeka datreveno de via naskiĝtago. El ĉiuj mondpartoj sonas unu, komuna voĉo de ĉiuj laborantaj homoj, kiuj al vi, sia granda instruisto kaj gvidanto, esprimas sian senliman amon, sian decidon paŝi kun vi kaj sekvi vin ĝis fino en via klopodo pri paco kaj pli bela estonteco de ĉiuj homoj.

Ankaŭ ni, ĉeĥoslovaka popolo, aliĝas al tiu ĉi voĉo. Kaj ni alportas ankoraŭ nian propran, specialan esprimon de dankemo, amo kaj sindonemo por tio, kion vi faris kaj daŭre faras por nia Ĉeĥoslovakujo.

Vi jam en 1913 per via genia verko „Marksismo kaj la problemo de nacioj" montris al ni la vojon al libereco kaj sendependeco. Kaj la granda oktobro 1917 — la oktobro de Lenin kaj Stalin — ebligis ankaŭ al ni seniĝi de la jarcentojn daŭrinta jugo de la habsburga monarkio.

Vi kaj la de vi konstruata Sovetunio estis por ni ankaŭ poste netaksebla subteno kaj brilanta stelo en nia lukto kontraŭ la en-kaj eksterlanda kapitalismo kaj imperialismo en la unua periodo de Ĉeĥoslovaka Respubliko.

Vi kaj la soveta popolo estis nia sola lumo en la horoj de la munĥena perfido kaj hontigo. Kiel sonorila sono flugis tiam tra ĉiuj niaj landoj: Sovetunio estas kun ni, granda Stalin staras ĉe ni eĉ en tiuj ĉi plej tragikaj momentoj de nia historio.

Vi kaj la de vi kreita Ruĝa Armeo estis nia sola espero en la tempo de nia sklaveco, kiam la furioza faŝismo klopodis neniigi nin komplete. La sciigoj pri la gloraj venkoj de la Ruĝa armeo kaj pri la nekompareblaj sukcesoj de la stalina strategio lumigadis nian mallumon kiel fulmoj. Moskva, Stalingrad, la glora marŝo de la sovetaj armeoj okcidenten, ĉiam pli kaj pli proksimen al ni — ĝi estis la paŝo de la proksimiĝanta liberiganto, kiun ni rigardis kun preskaŭ sufokita spirado, kun

brilantaj okuloj, kun ravita koro. Venis Dukla kaj via grandanima helpo kaj subteno de la soveta armeo al la Slovaka Nacia Revolucio. Venis la leoneca ensalto de la sovetaj soldataroj de Berlin al Praha, ordonita de vi, kiu savis nian Praha. Kun jubilo, kun larmoj en okuloj ni bonvenigis la liberigantojn — la stalinajn heroojn-ruĝarmeanojn. Kaj la nomo Stalin engravuriĝis profunden en la korojn de ni ĉiuj, en la korojn de infanoj, virinoj, viroj.

Kaj hodiaŭ, liberigitaj de vi, ni klopodas meriti vian grandan amon. Ni lernas el via verko. Niaj laboristoj, terkulturistoj, inteligentularo, ĉiuj laborantoj — en lernejoj, en fabrikoj, en laborejoj kaj sur kampoj, ĉiuj kaj ĉie ni konstruas — instruitaj de vi novan Respublikon, novan Ĉeĥoslovakion, popolan, demokratan, socialistan, tiel, kiel nin gvidas al tio ankaŭ nia prezidento Klement Gottwald, sindona, la plej sindona el viaj disĉiploj. Kaj ni promesas, ke ni ne ĉesos diligente ĉerpi el la abunda fonto de marksismo-leninismo kaj enkorpigadi ĝin en novajn realaĵojn, por montriĝi bonaj disĉiploj de la saĝa stalina lernejo.

En frata unueco kun Sovetunio kaj ĉiuj popoldemokratujoj kaj progresemaj homoj de la tuta mondo, sub via gvido kaj laŭ via ekzemplo ni volas streĉi ĉiujn niajn fortojn por senĉesa grandiĝo kaj kresko de la tutmonda tendaro de paco kaj progreso, por ke ni estu indaj je la glora stalina epoko, en kiu estas al ni permesite vivi.

Kaj al vi, kara kamarado Stalin, ni el la tuta koro deziras ankoraŭ multajn jarojn en bona sano, ke vi glore finu vian ĝisnunan vivoverkon, pri kiu la homaro ĉiam estos fiera: la venkon de la laboro, humaneco kaj progreso super profitaĉemo, perfortemo kaj reakcio.

Kun kara nomo Stalin pluen antaŭen! Tio ĉi estas la devizo hodiaŭ ĉe ni en Ĉeĥoslovakujo kaj en la tuta progresema mondo.

*La popolo de Ĉeĥoslovakio.*

---

ESPERANTO ESTAS LA LATINO DE LA PROLETARO KAJ MI ESPERAS, KE PER SIA IDEALA FACILECO ĜI EFEKTIVE HELPOS LA INTERKOMPRENIĜON DE LA MONDO.

*V. I. Lenin.*

ESPERANTO JE LATINČINOU PROLETARIÁTU A DÚFAM, ŽE SVOJOU IDEÁLNOU ĽAHKOSŤOU ÚČINNE URÝCHLI DOROZUMENIE CELÉHO SVETA.

*V. I. Lenin.*

Ján Smrek:

# Kanto

Ho mondo, malfermu pordegojn,
kiuj kondukas al la foraj vojoj —:
selita estas la ĉeval' de ĝojoj!

Ruĝigis ĉiujn montojn
la mezaŭtuna suno
kaj granda amo pentris
la vangojn de mia karulino.

La montoj estas bildo fantazia,
miraklo estas knabino mia:
papavo brulas en okul' magia;
per tiu flamo tuta korpo ŝia
ekvibris mire harmonia.

Ŝi estas juna,
sed jam en plenekfloro
kaj lipoj ŝiaj floras
per varma sangkoloro;
kiam mi kisas ilin,
ekridas mia koro.

Ruĝruĝaj estas montoj
— jen, ili estas ja el oro —
kiel de mia amatino
papave ruĝaj vangoj
kaj amoplena koro.

El la slovaka tradukis EVT.



Pruntedonis „Krásy Slovenska"

Knabinoj slovakaj el Moravské Lieskové (distr. Nové Mesto n/Váh.).

# III-a Slovaka Esperanto-Kongreso

okazinta dum la lastaj du tagoj de julio kaj la l-an de aŭgusto ĉi-jara en Bratislava, konfirmis la senĉesan kreskon de nia movado en Slovakio. Nia I-a en Turč. Sv. Martin en 1947 havis entute 100 partoprenintojn kaj ni parolis pri granda sukceso. La II-a en Košice en 1948 povis jam fieri pri pli ol 200 kongresintoj. Do la III-a antingis — niamezure — rekordon, ĉar vizitis ĝin pli ol 300 gesamideanoj. Ankaŭ la intereso de la frata ĉeĥa samideanaro ne malaltiĝis, ĉar preskaŭ la duono de la gastoj — do nombro ĝis nun nevidita — alvenis el la ĉeĥaj landoj.

Al sukceso de la sabata interkonatiĝa vespero en la Burĝa bierejo kontribuis ne nur la bonega vespermanĝo sen nutraĵkuponoj, sed precipe la folklora grupo de la košicea esperantista junularo kaj la muzikistaro de la bierejo. Dume oni amuziĝis kantante, ludante kaj dancante, la estraro kunvenis en silenta loko kaj pritraktis ĉiujn pli gravajn organizajn problemojn.

La ĉefan kongresan tagon inaŭguris la dimanĉaj diservoj katolika kaj evangelia, aranĝitaj sinsekve, por ke la kongresanoj povu partopreni ambaŭ. La solena malfermo kaj ĝenerala kunveno de Slovaka Esperanto-Societo okazis en la kinejo de YMCA. Post bonveniga alparolo de Prezidanto *Paŭlo Rosa* kaj post honorigo de la memoro de s-ano Vlad. Jukl, salutis la ĉeestantaron Estro *Jozefo Šveda*, en nomo de la protektoro, Komisiito *d-ro Andreo Pavlík*. En nomo de la Centra Nacia Komitato de Bratislava parolis ĝia Vicprezidanto *Jozefo Viceník*. Krome salutis la delegito de EAĈSR s-ano *Valeš* kaj la lokaj grupoj de EAĈSR en Brno-Židenice, Hradec Králové kaj Plzeň. Kortuŝa estis la saluto de la 13-jara *Adela Štrbová* el Nové Zámky, esprimita per la sekva poemeto, verkita de s-ano Jakubec:

Simpla, sed sincera estas
bondeziro ankaŭ mia:
sukcesplenan la rezulton
donu al vi nia tria.

Man'en mano kun aliaj
fratoj niaj el Ĉeĥio
plijunigos la movadon
junular'el Slovakio

Are sekvu nin cetera
junular'el tuta mondo,
kresku, floru, fruktojn donu
verdiĝanta nia rondo.

Vi aĝuloj nin subtenu,
gvidu nin per mano sperta,
al la celo. Nia venko
estos tiam tute certa.

Pro laboro rekompence
la rikolto estu riĉa.
Bondeziras junularo
kun vi ĉiuj tre feliĉa.

En nomo de Slovaka Esperanto-Instituto kaj de la redakcio de Esperantisto Slovaka parolis d-ro *Ludoviko Izák,* i. a. rifuzante la riproĉojn kontraŭ Esperanto, kiuj de tempo al tempo aŭdiĝas en Slovakio. Jam niaj ĝisnunaj internaciaj sukcesoj pruvas, ke Esperanto por nia malgranda nacio estas vera fenestro en la mondon, kiu nin ankoraŭ ne konas aŭ estas pri ni informita nur malfavore. Jen citaĵo el la ĵus alveninta originala letero de japana samideano:

„Via gazeto montras altan nivelon de vialanda Esperanto-movado. Oni diras, ke Slovakio ankoraŭ restas en malpli progresinta stato de la ĝenerala kulturo . . .“

Jes, Esperanto ebligas al ni informi la mondon de Aŭstralio ĝis Ameriko pri nia kulturo arta kaj popola, pri nia postmilita rekonstrua laboro kaj socialista konstruado. Esperanto ne estas kontraŭ la naciaj lingvoj eĉ ne kontraŭ la rusa kiel interkomprenigilo de la popoldemokratioj, ĉar ni mem kaj ankaŭ niaj infanoj ĝin ellernis aŭ lernas. Ankaŭ neniu nin suspektu: ni firme staras sur la bazoj de nia ĉeĥoslovaka kaj popoldemokrata respubliko kaj de la konstitucio de la registaro de Klemenso Gottwald, sen kiuj ni ne povus ĉi tie kongresi. Se eble iu agis kontraŭ, li ne reprezentas la movadon! Dum en Slovakio Esperanto trovis ankoraŭ malmulte da komprenemo, en la popoldemokrataj landoj eĉ en la ĉeĥa parto de nia respubliko ĝi estas tre disvastigita, ja eĉ inter la laboristaro . . .

El la agadraporto de la estraro estu menciitaj nur la ĉefaj punktoj: komitataj kunvenoj, kontakto kun oficialaj aŭtoritatoj, kun EAĈSR en Praha kaj kun aliaj Esperanto-organizoj, servoj al eksterlandanoj, lernejoj, publikaj kursoj, Esperanto en nia gazetaro kaj radio, klubaj kaj regiona kunvenoj, ekzamena komisiono.

Aparte estis pritraktita la raporto de la Organiza fako, kies gvidanto prof. Ed. Tvarožek ne povis ĉeesti. Lia propono pri konformigo de nia organizo al la politikaj regionoj kaj la propono de peranto-sistemo, bonrezulte elprovita en la ĉeĥaj landoj, estis akceptitaj, kun aldono, ke formiĝas aparta subtatraa regiono, kiu jam bonege ekfunkciis kaj kies sidejo estas Svit.

Post la financa raporto kaj aprobo de revizoroj estis reelektita la ĝisnuna estraro kun eta ŝanĝo, ke la loko de la mortinta meritplena Vicprezidanto Vlad. Jukl restis vakanta je lia honorigo.

Posttagmeze efektiviĝis raviga ŝipekskurso al la historiaj kastelruinoj de Devín sur bordo de Danubo ĉe la aŭstria limo.

Vespere la ĉeestantaro povis ĝui tutvesperan teatroprezentadon de „Fremda knabino“ de Danuban (s-ano Kolomano Kiss). Aktoris s-anoj *Ján Tibenský, Ján Ondrejkovič* (4-monata esperantisto), *Kol. Kiss* kaj la 2-semajna esperantisto, 60-jara s-ano *Molnár*, krome s-aninoj *Katarina Kovačičová, Júlia Čulenová* kaj *Honoria Havašová.*

La prezentado de niaj amatoraj teatristoj sub gvido de la multflanka s-ano Kiss tre agrable surprizis; ĝi estas grava promeso por la estonteco kaj pruvo pri serioza kaj sindona laboro.

La lasta kongrestago estis plenigita per ekzameno pri lingvoscio, kiun partoprenis 20 gesamideanoj. Poste sekvis prelego de d-ro *Izák* „Kiel ekestas la t. n. stalaktitaj fenomenoj“ (kun lumbildoj), fine prelego de s-ano *Ernesto Váňa* pri la planata esperantista kooperativo.

La ferma kunveno akceptis multajn gravajn decidojn kaj per elekto de s-ano *Paŭlo Rosa, Aleksandro Csáder* kaj *Weber* honoraj membroj de SES, danke rekonis la superhoman streĉadon de la bratislavaa samideanaro, kiu devis venki multajn malhelpaĵojn por povi okazigi la kongreson en Bratislava.

*Evinjo Chamerová,* 13-jara esperantistino el Židenice transdonis la sekvantan finsaluton:

Al kongreso via tria
junular' el Židenice
interpretas kun gratulo
ĉi saluton miavice:

Ho, Slovakoj, niaj fratoj,
post laboro tre modela
vi rikoltu fruktojn are
en patrujo via bela.

Kongresurbo Bratislava
iĝu loko radianta,
plibonigu nian vojon
al la celo sunbrilanta!

Esperanto, kara lingvo,
evidente jam progresas,
mi en nom' de l'junularo
fidelecon nun promesas.

Bondeziron mian simplan
do akceptu al la festo —
venontjare dum la Kvara
„Ĝis revido! — mia gesto.“

*Eliz.*

*Maurice Cézar:*

# Naturaj rezervejoj en Sovetunio

En Sovetio estis kreitaj pli ol cent rezervejoj. Per kreado de tiuj arbaroj kaj rezervitaj lokoj oni precipe celas la protektadon kaj pligrandigon de la naturaj riĉaĵoj kaj ankaŭ la eblecon fari sciencajn esplorojn pri animaloj kaj vegetaĵoj.

La terenoj estas lokitaj en zonoj klimate kaj geografie diversaj, posedantaj karakterizan klimaton, geologian strukturon, bestaron kaj vegetaĵaron: arkta zono, dezertoj de Turkmenio, Kamĉatko, tajgo de Usuria, Kaŭkazio, centraj regionoj ktp. Du novaj rezervejoj estis kreitaj pasintjare en Saĥalino. Filio de la tereno de la „Sep Insuloj", en la Maro de Barents, estis organizita sur la „Nova Tero", riĉa je marbirdoj kaj molanasoj. En la rezervejoj de Riskskoterrasni (regiono de Moskvo), oni organizis parkon por pur-rasaj uroj, devenantaj de Beloveĵ kaj Kaŭkazio. Ĉe Ĉitinsk oni nun organizas teritorion, konsistantan el arbaroj kaj montaroj.

En la rezervejo de Darwin, kreita en 1945 apud la artefarita lago de Rybinsk, daŭras la sciencaj esploroj serĉantaj trovi la influon de la artefaritaj lagoj je la ĉirkaŭanta natura medio. La artefarita lago de Rybinsk fariĝas altirpunkto por multegaj birdoj, kiuj neniam antaŭe venis en tiujn ĉi regionojn.

Sur la terenoj de Kandalakŝa oni laboras por malsovaĝigi la molanasojn. Sur terenoj de Peĉora-Ilyĉ oni provas malsovaĝigon de alkoj, kiuj estas animaloj valoraj kaj kiel viando-donantoj kaj kiel tirbestoj.

La rezervejoj, suferintaj pro la okupado flanke de la Germanoj, tiuj de Krimeo, de arboriĉaj centraj regionoj, estas komplete restarigitaj. Gravaj sciencaj laboroj daŭras tie senĉese.

---

KOREKTA ELPAROLO.

Dum la paŭzo de la opero interparolas du sinjoroj.

— Mi vidis en Milano bonegan prezentadon de Don Ĵuan.

— Pardonu, diris la alia, oni ne devas elparoli Don Ĵuan, sed Don Ĥuan. Kaj kiam vi estis en Milano?

— Lastjare, dum ĥunio kaj ĥulio.

*Erika:*

# Je Tago de Mortintoj

*Krucumito,*

*igataj per la morteca odoro de la tombkandeloj, de la melankolia aŭtuno, susurado de la falanta foliaro kaj de la amo je Vi, ni algenuas ĉe Viaj piedoj.*

*Ĉi tie, en ombro de larĝ-branĉaraj tilioj, en loko, kie foje ankaŭ al ni kantos la lastan adiaŭan kanton la indiferenta vizaĝo de la tombisto, ni humile levas niajn petegantajn okulojn — aŭdu nin!*

*Ho, Dio,*

*kiel flugas nia tempo, tago viciĝas al tago, jaro al jaro kaj la vivo nehaltigeble rapidas sur la deklivo de forpasemo al la eterna celo.*

*Ho, Kompatema,*

*ni petas, haltigu la tempon almenaŭ por momento, haltigu la rapide turniĝantan radon de la vivo, ĉar ŝajnas, ke restas al ni nur nemulte da tempo kaj ni timas, ke se foje — surprizige baldaŭ kaj neatendite — elfalos el niaj manoj ĉio, ni elspiros nian animon en la spacegon de la Eterneco nepreparigintaj por foriro. Se vi nin neatendite vokos al Vi,*

*Ho, Juĝisto plej justa,*

*pardonu al ni tion, kio pleje nin premas, ke ni plenaj de feliĉo iru al via nekonata malproksimo. Ni scias, ke nur ĉe vi estas bele kaj agrable kaj nur vi povas doni al niaj animoj la pacon, kiun la mondo ne donas. Nur permesu al ni,*

*Ho, Mort-turmentito,*

*prepariĝi bone por la vojaĝo al Vi. Ni nun plej arde petas pri tio, nun, ho Sinjoro, kiam ni rezignas pri ĉiuj ĝojoj en la estanteco, pri ĉiuj rozokovritaj vojoj, nun, kiam en la ĝardeno de la plej karaj semoj la larmoj de vivantoj falas sur la tombojn, nun, kiam nin ĉirkaŭas la mortodoloroj, nun ni preĝas al Vi.*

*Ho, Sinjor'...!*

*Esperantigis —ena—*

*J. V. Dolinský:*

# SOVAĜANSEROJ...

*Sovaĝanseroj flugas for*
*en nokto la senluna —*
*Ploregas, ĝemas mia kor'*
*kun frosta vent' aŭtuna.*

*Ho, estis tempo sen dolor'*
*— feliĉa kaj trankvila —*
*ĝi vivas nur en la memor'*
*kun varma suno brila!*

*Ĝardenon havis mi kun flor',*
*— belege brilis suno —*
*perdiĝis baldaŭ la odor'*
*en vento de aŭtuno.*

*Folioj flavaj kiel or'*
*al tero falis ŝute*
*kaj triste kantis venta ĥor' —*
*Mi larmojn larmas mute...*

*Ekfontas jen pezega plor'*
*el nubo la malhela...*
*Sovaĝanseroj, flugu for*
*kun mia sort' kruela!...*

*J. V. Dolinský:*

# Esperanta ortografio

En nia antaŭa artikolo pri Esperanta ortografio ni konkludis, ke en lernolibroj Esperantaj estas necese instrui ankaŭ pri la Esperanta ortografio kaj ke la reguloj de Esperanta ortografio devas esti severe aplikataj precipe en Esperantaj periodaĵoj. *Ja Esperanto ne troviĝas jam en sia komenca periodo, en kiu oni povis pardoni la pekojn kontraŭ ĝi faritajn.*

En tiu ĉi artikolo ni intencas konigi nian legantaron pri Esperanta ortografio, kia ĝi nun estas.

Ni prenu do laŭvice kaj pli detale la punktojn, en kiuj ni resumis la regulojn de Esperanta ortografio.

I. Estas ja memkompreneble, ke *ĉiu simpla Esperanta vorto estas skribenda — aparte.* Ekzemple: Sed la tiu ne loĝis domo ni masonita en nova tute ligna en. Ĉi tiuj senorde metitaj vortoj ankaŭ en regula frazo devas stari aparte: Ni ne loĝis en la tute nova ligna domo, sed en tiu masonita.

Kontraŭ tiu ĉi regulo, kiu validas ankaŭ en la naciaj ortografioj, povas peki nur tiu, kiu pekadas kontraŭ ĝi ankaŭ en sia gepatra lingvo.

Niajn slovakajn samideanojn ni devas atentigi ĉi-loke koncerne la skribadon de *nea vorto „ne"*, kiu en la slovaka funkcias ĉiam prefikse (distingu la slovakan „ne" de „nie"!), dum en Esperanto nur:

1. *antaŭ substantivo (***o***-vorto):*
   homo-*ne*homo, skribo-*ne*skribo, bono-*ne*bono, Petro-*ne*-Petro, k. s.
2. *antaŭ adjektivo (***a***-vorto):*
   homa-*ne*homa, skriba-*ne*skriba, bona-*ne*bona, aŭdebla-*ne*aŭdebla, k. s.
3. *antaŭ adverbo* **e**-*vorto):*
   home-*ne*home, skribe-*ne*skribe, bone-*ne*bone, aŭdeble-*ne*aŭdeble, k. s.

*Antaŭ la verboj oni skribu ĝin ĉiam — aparte: ne* vidi, *ne* vidis, *ne* vidas, *ne* vidos, *ne* vidu, *ne* vidus, kaj simile.

II/A. Koncerne la skribadon de majusklo (granda litero) en vortoj validas tiu ĉi baza regulo: *Kun komenca majusklo estas skribenda ĉiu propra nomo!* Se ĝi konsistas el du aŭ pli da vortoj, oni skribu ilin ĉiujn (escepte la enajn artikolon kaj prepoziciojn) majuskle. Ekzemple: Natan *la* Saĝulo, Heroldo *de* Esperanto, La Lando *de la* Blinduloj, k. s.

Sed kion oni konsideras propra nomo en Esperanto?

Ni citas du difinojn laŭ du tre gravaj verkoj prilingvaj: „La propraj nomoj indikas unu solan, certan objekton, lokon aŭ estaĵon kaj diferencigas ĝin de ĉiuj aliaj el la sama speco." (*La Tuta Esperanto,* pĝ. 16.) La alia tekstas: „Substantivoj, kiuj servas por nomi individue ulon aŭ aĵon, estas propraj nomoj (personaj kaj geografiaj)." (*Plena Gramatiko de Esperanto*, pĝ. 160.)

Al tiuj ĉi du difinoj ni aldonas, ke *propra nomo estas ĉiu vorto, eĉ pli da vortoj, kiu(j) indikas unu eĉ pli da samspecaj personoj aŭ aĵoj,* ***sed ne ĉiujn*** *personojn aŭ aĵojn de la sama speco.* Ekzemple: En la mondo ekzistas multaj Paŭloj, sed se ĉiu homa virseksulo estus Paŭlo — la vorto perdus sian individuigan kapablon kaj iĝus nomo komuna, kaj oni skribus ĝin kun minuskla „p" — *paŭlo* same, kiel oni skribas la komunan nomon de ĉiu matura virseksulo — *viro.*

a) *Propra nomo estas do la antaŭnomo (baptonomo) de persono:* Adam aŭ Adamo, Andreo, Bohuš aŭ Bohuŝ (sed ne Bohuŝo!), Anna aŭ Anno (sed neniam Ano!), Božena, Julia (sed ne Julio, ĉar ĉi-lasta estas vira nomo!), Maria, Marta, ktp.



Pruntedonis „Krásy Slovenska"

Vintro jam enŝteliĝas en la slovakajn montarojn...

Ĉe la virinaj baptonomoj estas preferinde uzi la a-finaĵon, ne nur pro tio, ke ili estas pli internaciaj ol tiuj kun o-finaĵo, sed ankaŭ por evitigi miskomprenon, ĉu la nomo kun o-finaĵo koncernas personon viran aŭ virinan.

b) *Propra nomo estas la familia nomo de persono:* Kollár, Kollárová, Lehotský, Petrovič, Rosa, Žilinská, ktp.

La familiaj nomoj estas skribendaj laŭ la nacia tradicia maniero kaj ortografio, sekve skribu: Jarmila Podhradská kaj ne Jarmila Podhradský eĉ ne Jarmilo Podhradská!

c) *Propra nomo estas la kaŝnomo (pseŭdonomo), moknomo, alnomo, k. s. nomo de persono aŭ besto:* Hviezdoslav, Rechtoris-Zrzán; Dunĉo, Murko, Rohuŝa, Pejo, k. s.

d) *Propra nomo estas la vorto Dio kaj ĉiu vorto indikanta kiun ajn personon de la Dia Triunuo*: la Kreinto, la Eternulo, la Krucumito, la Savinto, la Ĉiopova, la Sankta Spirito, ktp.

Al tiu ĉi grupo de propraj nomoj apartenas *la vortoj koncernantaj la Di-Patrinon:* la Nemakulita, la Sankta Virgulino, ktp.

e) *Propra nomo estas ĉiu geografia nomo* (nomo de kontinento, insulo, maro, golfo, dezerto, ebenaĵo, valo, monto, lago, rivero, rivereto, ŝtato, lando, vilaĝo, urbo, strato, placo, ktp., ktp.: Eŭropo, Islando, Adriatiko, Nigra Maro, Golfo de Lion, Sahara, Granda Hungara Ebenaĵo, Valo de Danubo aŭ Danub-valo, Altaj Tatroj, Ĝeneva Lago, Rejno (Rýn), Kysuca, Ĉeĥoslovakio, Silezio, Terchová, Trnava, Masaryk-strato aŭ Strato de Masaryk, Placo de Nacia Ribelo, ktp., ktp.

f) *Propra nomo estas la nomo de societo, instituto, politika partio:* Slovaka Esperanto-Societo (SES), Slovaka Esperanto-Instituto (SEI), Matica Slovenská, Universala Esperanto-Asocio (UEA), Komunista Partio, k. s.

g) *Propra nomo estas la titolo de la libro, gazeto, dokumento, poemo, kanto, muzikaĵo, opero, ktp., ktp.:* Tri Kaŝtankoloraj Ĉevaloj, Literatura Mondo, Esperantisto Slovaka, Statuto de UEA, Konstitucio de Ĉeĥoslovaka Respubliko, La Edzino de Arbargardisto, La Espero, La Patosa Simfonio. Wieland la Forĝisto, ktp., ktp.

h) *Majuskle estas skribenda ĉiu akademia titolo kaj tiu de la socia aŭ societa funkcio,* kiam ĝi antaŭas la familian aŭ baptonomon: Doktoro Izák, Inĝeniero Paŭlo Slaný, Profesoro Králik, Prezidanto Rosa, Urbestro Slávik, k. s.

i) *Majuskle oni skribu la vorton Esperanto* (ĉar originale ĝi estis kaŝnomo de D-ro Zamenhof) kaj ĝiajn finaĵajn derivaĵojn por diferencigi ilin de aliaj samradikaj derivaĵoj: *Esperanto, Esperanta* lingvo (esperanta homo — estas homo, kiu esperas), esperantisto inter esperantistoj parolas *Esperante, Esperantujo.*

j) *Pro ĝentileco oni skribas majuskle* la vortojn koncernantajn la letere alparoliton: Via Moŝto, Sinjorina Moŝto, Estimata Sinjoro, Kara Sinjoro Profesoro, k. s.

Pro sama kaŭzo oni skribas majuskle en letero la personan pronomon Vi, kiam ĝi ne estas subjekto de la frazo: Vin, al Vi, por Vi, ktp. same la posesivon: Via, Vian, de Via, ktp.

En la skribado de kelkaj vortospecoj regas duformeco.

Imitante Zamenhofon kelkaj esperantistoj la monatnomojn skribas majuskle, dum aliaj skribas ilin minuskle. Ni trovas preferinda, ĉar pli internacia, la minusklan skribadon: januaro, februaro k. s.

Niaflanke multe pli grava estas la problemo de majuskla aŭ minuskla skribado de la popolnomoj. Esperantistoj, en kies gepatra lingvo oni ne rekonas la popolnomojn propraj nomoj, skribas ilin minuskle.

Ni ne konsentas kun la aŭtoroj de Plena Gramatiko de Esperanto, laŭ kiuj esti ekzemple Hungaro „ne estas pli individuiga eco, ol esti longkraniulo, avarulo aŭ ftizulo". Ni demandas: Ĉu esti ekzemple Petro estas pli individuiga eco, ol esti viro, komercisto aŭ mallaboremulo?

Kaj tamen Petro estas propra nomo, kies majusklan skribadon neniu dubas, dum same individuigajn ecojn posedantaj „viro, komercisto" kaj „mallaboremulo" estas komunaj nomoj, skribendaj minuskle. Ĉu gramatika justeco?!

Krome, riĉulo aŭ ftizulo povas esti ĉiu virseksulo senescepte ĉu li estas Anglo, Franco, Hungaro aŭ Bulgaro — sed ekz. Ĉino povas esti nur virseksulo, kiun naskis ĉinaj gepatroj. Kiel el kokina ovo ne povas eloviĝi akcipitrido sed sole kokido, kiel el ĉerizkerno povas elkreski sole ĉerizarbo — tiel Hungaron povas naskigi nur hungaraj gepatroj, heredigínte lin pri specifaj ecoj de la Hungararo. Certe Franco, Hungaro, Germano, Bulgaro, ktp., kiel popolanoj, havas ecojn pli individuigajn, ol Petro, Paŭlo aŭ Jozefo, kiel nuraj nomportantoj. Do se en la majuskla skribado decidigaj estas la individuigaj ecoj de aĵo aŭ ulo — ni trovas plene motivita la majusklan skribadon de la popolnomoj.

Dro Zamenhof ĝis 1911 skribadis ilin minuskle: „. . . ekzistas sole

rusoj, poloj, germanoj, hebreoj, ktp." Sed de post tiu ĉi tempo eĉ li skribadis la popolnomojn majuskle: Dano, Turko, Filiŝtoj, Egipto, ktp.

Fine ni menciu, ke kiun ajn komunan nomon, kiam ĝi estas personigita aŭ idealigita — oni skribas majuskle.

II/B. *Majusklon en la frazo (propozicio) oni skribas:*

a) *en la komenco de ĉiu memstara* frazo (frazo primitiva, komplementita, kuntirita, kompleksa): **La** suno brilas. **Subite** najtingalo ekkantis en la densejo. **Li** havis grandajn, fortajn kaj laboremajn manojn. **Mia** amata nepineto avide rakontis, kion ŝi vidis en la menaĝerio.

b) *en rekta parolo post dupunkto kaj citilo:* La avineto demandis: „**Kion** mi rakontu, infanoj?"

Kelkaj esperantistoj majuskle komencas ĉiun verson (verslinion) de poemo. Maniero ne-imitinda.

# La Murhorloĝo

*Al S-ro Ján Lamačka.*

Mi vidas ĝin pendanta sur la ĉambro-muro
per tiki-takoj montri horojn de l' estanto...
Sed iu ajn parolas! Diras per susuro,
ke ĝi similas vere koron de vivanto...

La vivon de l' nunec', ne tiun de l' futuro,
prezentas la montrilo, — kaj sen ia vanto! —
sed se risorto mankus, la pendola kuro
nature haltus kiel ŝajne kosma kanto!

Horloĝo de la brusto estas nia koro:
jen kial se malsano grava frapus nin,
sur lito nian korpon lasus la Destin'!
Ja estas por la du identa la laboro:
se unu montras sur la muro tempo-daŭron,
enbruste la alia montras vivo-daŭron!!

*F. S. Almada.* Santos, Brazilo.

# Publika letero

al s-ro universitata profesoro D-ro Francisko Trávníček, Praha.

Estimata sinjoro profesoro,

en la serio de viaj regulaj prilingvaj artikoloj, kiujn aperigadas la multe legata tagĵurnalo *Lidové noviny*, vi estis eksterordinare afabla dediĉi iom da atento ankaŭ al Esperanto. Vi difinis ĝin kiel „kunglui-taĵo de elementoj el plej diversaj lingvoj", vi tute decide deklaris, ke ĝi ne havas ŝancon fariĝi literatura kaj kultura lingvo en plena senco de vorto kaj do nek fariĝi universala helplingvo. Kvankam vi konsentas, ke estas eble konstrui novan artefaritan lingvon, ĝi viaopinie estas „morte naskiĝinta infano", ĉar ĝi ne ekestis organike, nature kaj ne havas sufiĉe da objektivaj kondiĉoj por sia evoluo ktp., ktp.

Laŭ tiuj ĉi viaj eldiroj kontraŭ Esperanto ni opinias, ke vi serioze kaj ĝisfunde lernis Esperanton, tiun ĉi lingvon de estonteco. Ni ja ne havas rektan pruvon, ke vi fakte studis Esperanton, sed el la eldiroj pri — pli bone dirite: *kontraŭ* Esperanto mi povas tion konkludi. Nome mi ja tute ne povas imagi, ke scienculo tiel fama kaj respektata, kia vi estas, povus fari tian aŭtoritatan aserton pri afero, kiun li ne estis detale kaj ĝisfunde studinta kaj kiun li perfekte ne konas. Estas do logike konkludi, ke vi havas solidan scion pri Esperanto kaj ties kvalitoj.

Vi, estimata sinjoro profesoro, absolute rifuzas okupiĝi pri la amaso da leteroj, ricevitaj de la publiko post aperigo de la menciitaj artikoloj. Ni tute male estas pretaj prikonsideri viajn kontraŭdirojn. *Tial ni tre ĝojos, se vi bonvolos prezenti viajn argumentojn en Esperanto antaŭ esperantista, kaj tial iom juĝrajta kaj juĝkapabla publiko, ekzemple dum landa kongreso de esperantistoj.* Mi pensas, ke viaj opinioj pri Esperanto suferos gravan malvenkon kaj via teorio devos kapitulacii antaŭ la konvinka forto de la praktiko.

Estimplene via

*Eduard V. Tvarožek*,
redaktanto de ES.

---

La leĝoj, kiuj direktis la formigon de naciaj lingvoj, fontas el la instinkto; la aŭtoro de Esperanto estis gvidata de l' racio.

Kvindekjara praktikado pruvis, ke Esperanto estas fleksebla kaj senlime riĉigebla interkomprenilo, taŭga por homoj el ĉiuj rasoj.

# *Kiel fartos post mondfino ....*

*Slovaka popolkanto.*

*Allegro. Moke.* *Esperantigis: Št. Seemann.*



1 Ki - el far - tos post mond - fi - no la mal - ju - naj i noj
2 En - vi in - de bo - ne far - tas la in - fer - lo - ĝan - toj



1. Ĉu sen den - toj dent - skra - pa - di sci - os pe - ku - li — noj?
2. I - li sen por - tad' de lig - no es - tas varm - ĝu - an - toj.

*A. Sokolovskij,* Nikolajev:

# Esperanto en Soveta Rusujo en 1932

(Eltiraĵo el tiama letero)

...Dum la tria tago de 3-a Tutruslanda Kongreso Esperantista en la tiama Petrogrado, la 4-an junio 1922 estis proklamita fondo de Sovetlanda Esperanto-Unio — SEU. Multo ŝanĝiĝis de tiu tempo ne nur en nia organizo, sed ankaŭ en la aspekto de la tuta lando.

La 3-a kongreso de rusaj esperantistoj estis kunvokita 8 jarojn post la 2-a, organizita en 1914 en Kiev. La cara registaro malŝatis Esperanton kaj ĝenis la laboradon de esperantistaj organizoj. La milito kaj la invado de blankgvardianoj malhelpis dum la unuaj postoktobraj jaroj organizitan esperantistan laboron. La 3-a kongreso kunvenis, kiam ankoraŭ estis freŝmemora la kronŝtadta ribelo, kiam en sudo kaj oriento ankoraŭ ekzistis blankulaj bandoj. La nova ekonomia politiko estis apenaŭ proklamita. Unu numero de la sola rusa gazeto tiutempa kostis mil paperajn rublojn. Per granda peno kaj streĉo, bazante sin nur sur helpo de sovetaj esperantistoj, la nove fondita SEU komencis organizi sian laboron konforme al tiuj taskoj, kiuj estis metataj antaŭ ĝi per la ekzisto de la Soveta Respubliko, per la ĉiam akriĝanta klasbatalo en tutmondo. Se ni komparos la situacion de Esperanto en Sovetio en la jaro 1922 kaj nun, ni vidos grandegan diferencon. Tiam ekzistis nur neregule aperantaj gazetoj. Mankis iu organiza centro. Forestis argumentita verko pri la proleta esperantismo, pri metodoj de esperantista

laborado en Sovetio kaj inter proletoj. Forestis financa bazo por progresigo de la movado. Mankis lernolibroj kaj vortaroj. Absolute forestis iuj esperantaj legaĵoj. Interligoj kun eksterlando okazis nur hazarde kaj neregule. Plej ofte la esp-istoj estis konsiderataj kiel naivuloj kaj idealistoj, havantaj neniun praktikan valoron. Eĉ ne unu gazeto — ankaŭ en Petrogrado — presis ion pri la 3-a kongreso, tiom negrava ĝi ŝajnis al publika opinio de Sovetio.

Kaj nun — ni havas propran organojn, regule aperantajn, ni per niaj eldonaĵoj certagrade partoprenas en organizado ne nur de Sovetia, sed ankaŭ de tutmonda proleta esperantistaro. Ni eldonas tian kvanton da libroj, pri kiuj kutime esp-istaj eldonejoj eĉ ne revis. Jam pli ol 200.000 da Esperantaj lerniloj estas de ni eldonitaj. Funkcias organiza centrejo por la Soveta Esperanta laborado. Pli akurate ol kiam ajn antaŭe estas donataj informoj kaj direktivoj al lokaj esperantistaj organizoj. Ni montriĝis iniciatintoj el la kampo de esploro de internacilingva problemo sur bazo de marksismo-leninismo. Koncernaj niaj eldonaĵoj estas aperigitaj ne nur en rusa lingvo, sed ankaŭ en Esperanto. Estas verkitaj kaj eldonitaj jam specialaj studoj pri kursgvidado, pri laborado de esperantistaj ĉeloj, pri organizo kaj gvidado de internacia laborista korespondado. Per plej rigora ŝparado kaj laboro de volontuloj, kreskis financa bazo kaj por la proksima jaro ni jam povas senĝene antaŭprojekti presigon de ducent presfolioj da novaj verkoj (entute pli ol 3500 paĝoj).

En multaj fakoj esp-istoj montriĝis vere utilaj en efektivigado de la taskoj de kultura rekonstruo kaj internacia edukado en Sovetio. VOKS kaj Centra Komitato de Militantaj Ateistoj vastamplekse utiligas Esperanton. Tutukrainia Komitato de Sindikatoj devis konfesi, ke en multaj lokoj sole esp-istoj ebligas aranĝon de internacia proleta korespondado. En Ukrainio Esperanto fariĝis deviga lernobjekto por ĉiuj pedagogiaj altlernejoj kaj teknikumoj. Ĉiam pli ofte aperas en gazetoj notoj kaj informoj, ricevataj el eksterlando per Esperanto. Estas fonditaj PEK-filioj, regule interligitaj kun similaj centroj ankaŭ en eksterlando. Ni partoprenis en ĉiuj lastjaraj politikaj kampanjoj same en Sovetio kaj eksterlando. Traktoroj, mono por kiuj estis kolektita inter diverslandaj proletaj esp-istoj, ekrulplugos la sovetian grundon. Interne de laborista esp. organizo SAT estas efektivigita senmaskigo de oportunistoj kaj estas pliprecizigataj la taskoj de proletaj revoluciaj esp-istoj.

Ĉi tion ni atingis dum la pasintaj 10 jaroj. Certe estas ankoraŭ multaj mankoj. Niaj gazetoj pro teknikaj presejaj kaŭzoj aperas neregule. Mankas laborantoj por regule gvidi organizan laboron. Ne sufiĉas ligo kun lokaj organizoj. Ne ĉie esp-istoj estas sufiĉagrade ligitaj kun aliaj sociaj organizoj de soveta laborularo. Plurloke esp-istoj ankoraŭ povas labori per malnovaj propagandaj metodoj, konsiderante Esperanton kiel celo kaj ne kiel ilo. La kresko de nia anaro ne estas konforma al ĝenerala kresko de kultura nivelo en Sovetio. Apenaŭ estas komencata esploro de la problemo, kiamaniere studo de Esperanto povas servi al plu-studo de aliaj fremdaj lingvoj. Sed malgraŭ tio, multo jam atingita pruvas, ke akzistantaj mankoj estos forigitaj per kunigita laborado de SEU-anoj.

Sovetio nun travivas kvaran finiĝantan jaron de la kvinjarplano. Grandiozaj taskoj, starantaj antaŭ la proleta lando, koncernantaj ĝian industriigon, kolektivigon de ĝia agromastrumado, pluan levon de ĝia kultura kaj vivnivelo, estas samtempe la taskoj, starantaj antaŭ nia organizo. Per ĉiuj povoj kaj per ĉiuj rimedoj, pri kiuj ni disponas, ni devas helpi al efektivigo de sukcesa finkonstruo de socialismo en nia lando. Sortoj de nia lando estas ligitaj kun la sorto de la tutmonda proletaro. Katastrofa krizo de la kapitalista ekonomio, terura plinombriĝo de senlaboruloj, akriĝo de la klasbatalo, faŝistigo de la regataj social-demokrataj partioj kaj de burĝaj ŝtataparatoj, minaco de nova milito kontraŭ USSR, kiun la kapitalistoj celas ekstermi — jenaj estas la karakterizaj trajtoj de moderna kapitalista okcidento. Atendante ĉi tiujn momentojn, konforme al ili, man-en-mane kun aliaj proletaj organizoj de tutmondo, ni devas labori por klarigi la ekzistantan situacion al internacia laborularo, por defendi Sovetion kontraŭ novaj militatakoj, por helpi al tutmonda laborularo liberiĝi de la prema jugo de ekspluatistoj. Per nia lingvo, celkonforme ĝin uzante, ni jam faras gravajn servojn en tiu kampo. Kaj ankoraŭ pli interesajn servojn ni devas fari. Tion farante, ni plej bone montros ankaŭ al ankoraŭ ekzistantaj skeptikuloj, ke nia lingvo estas grava, socie necesa kaj utila instrumento de internacia laborista kunligo, per internacia eduka laboro inter laboristoj.

Tion ni faras kaj per tiuj agoj ni servas al liberiga batalo de la homaro. Ni servos al akcepto de la tezo, ke nuna lingvo Esperanto estu ĉiam pli vaste uzata kaj utiligata en la klasbataloj okazantaj kaj grandiĝantaj.

La estonta dekjaro plifirmigu nian laboron, plifiksigu la vojojn de ni iratajn, pliproksimigu al niaj finaj celoj! Vivu Esperanto, utila batalilo por la nuno kaj evoluonta ĝermo de la tutmonda universala lingvo de la liberigota senklasa homaro — por estonteco!

---

*Jules Coste,* Montgéron, Francujo:

# Lernolibro pri historio

Mia sepjara knabo Daniel komencis vizitadi lernejon. La unuan de oktobro li la unuan fojon eniris la „grandan“ lernejon. Tie oni donis al li kvin librojn, el kiuj unu estis pri historio.

Kiam Daniel alvenis hejmen, lia unua frazo estis:

— Paĉjo, mi havas kvin librojn! Jen, kiel ili pezas en mia librosako. Mi estas nun granda knabo, ĉar mi havas tiom da libroj!

— Tre bone, mia knabeto. Kaj kiaj estas tiuj libroj? — mi demandis lin.

— Ili estas tre belaj, sed unu el ili ne estas bona libro.

— Kial?

— Ĉar ĝi enhavas nur bildojn kaj temojn pri milito. Ŝajnas, ke dum la pasintaj tempoj oni multe ŝatis militojn. La homoj estis kruelaj, ĉu ne, paĉjo? Ili tiam enigadis en siajn ventrojn lancojn, ili estis sovaĝaj, sed hodiaŭ oni ne plu faras tiel, oni ne plu batalas.

Mi respondis jese al mia knabeto, ĉar li ne povis kompreni ... sed lia naiveco per kelkaj frazoj estis juĝinta nin, niajn gepatrojn, la tutan homaron ... Kaj mi klinis la kapon, kvazaŭ mi estus kulpa ...

---

ĈIU ESPERANTISTO ESTAS ANO DE ASOCIO DE AMIKOJ DE USSR KAJ BATALANTO POR LA MONDPACO!

KAŽDÝ ESPERANTISTA JE ČLENOM SVÄZU PRIATEĽOV SSSR A BOJOVNÍKOM ZA SVETOVÝ MIER.

# Bonhumoro

BONA KONSILO.

En Monte Carlo, en la kazino, ludas sinjorino. Ŝi diras al sia konato:

— Helpu al mi ludi. Kiun numeron vi proponas?

— La nombron de viaj jaroj.

La sinjorino metas 10.000 frankojn sur la numeron 27 — kaj perdas, ĉar gajnis numero 37. Ŝi alrigardas riproĉe sian akompananton, sed tiu ĉi diras:

— Nu, vi vidas! Kial vi ne obeis?

DUM LA LECIONO DE RELIGIO.

Demandas la kapelano: Diru, Miĉjo, kion faris la Judoj post kiam ili trairis la Ruĝan Maron?

— Ili sidiĝis sur la marbordo por sekiĝi en la suno.

HISTORIISTOJ INTER SI.

Unu historiisto plendas, ke li ne povas memorteni la jarojn, en kiuj naskiĝis liaj edzino kaj infanoj.

— Por tio mi havas tre bonan helpilon, — diras la alia.

— Kian?

— Tre simplan. Mi simple scias, ke mia plej aĝa filo naskiĝis 2253 jarojn post la morto de Plato, mia filo Eŭgeno 1801 jarojn post imperiestriĝo de Hadrian, filino Helena 2001 jarojn post la morto de Sulla kaj mia edzino 2282 jarojn post la morto de Xantippa.

LOGIKO DE KANIBALO.

Misiisto klarigas al kanibaloj, ke mortigi homon kaj manĝi lin estas la plej granda krimo. Unu el la kanibaloj komencas interparolon kun li kaj asertas esti aŭdinta, ke la blankuloj mortigis en la milito egan nombron da homoj kaj manĝis ilin.

La misiisto vigle protestas: „Estas vero, ke ili multajn mortigis, sed ili ne manĝis ilin.“

„Kiaj stultuloj! Kian sencon do havis mortigi ilin?“

ENIGMO.

— Ĉu vi scias, kial porkidetoj fermas siajn okulojn suĉante sian patrinon?

— ???

— Ĉar ili hontas, ke ilia patrino estas tiel granda porko.

NOKTA OKAZINTAĴO EN APOTEKO.

Unu sinjoro sonorigas meznokte ĉe la pordo de la apoteko kaj postulas ian laksigilon.

— Terure, diras la apotekisto, vi min vekas pro tia sensignifaĵo! La saman servon ja faros al vi glaso da varma akvo.

— Ĉu vere? — demandas la ĝenanto, — koran dankon por la konsilo. Mi rapidas hejmen kaj trinkos glason da varma akvo.

# NIA ENKETO

## Ĉeĥo — Ĉeĥujo, Bohemo — Bohemujo

Ankaŭ kun s-ano E. U. mi ne konsentas kaj sincere lin — ekstreme ŝokitan pro la termino Ĉeĥio — kompatas. Li ne estas prava opiniante, kvazaŭ la terminon Ĉeĥio estus eltrovintaj naziistoj, ĉar ili havis kaj uzis por ni pli humiligan nomon: Protektorat Böhmen (!) und Mähren.

La historio estas iom alia. Ribelemaj Ĉeĥoj jam dum monarkia tempo deklamis kaj kantis pri „Ĉeĥio, kara patrino“. Komparu ekzemple sokolan kanton: „La 4an de julio“! (Oře tam Čechie, máti naše drahá; ona vyorává naše dávná práva). S-ano E. U. kiel Prahaano ankaŭ scios pri sporta klubo Čechie-Karlín k. s.

Do Ĉeĥio estis por ni jam delonge tre delikata kaj karega nomo kaj ĝia signifo estis: patrino kaj patrujo de Ĉeĥoj!

Kiam mi dum unuaj tagoj de protektorato ricevis leteron de eksterlanda korepondanto (li ne estis germano!) kun adreso: ČESKO, ĝi estis por mi pli agrabla kaj akceptebla ol la malbenita Protektorato. En lastaj tagoj mi ricevis leteron de alia eksterlanda amiko — verkisto, kiu interalie skribas: „Vi min ne komprenos, ĉar ni bohemoj (li ree ne estas Ĉeĥo!) vivas tute alian vivon.“

Sapienti sat!

La terminoj Bohemio-Moravio kaj Silezio (Ĉeĥaj landoj) estas *nur ĉe ni* mem jam delonge universale konataj kaj sekve ankaŭ aplikataj — *sed por eksterlandanoj* ili tute ne havas la atribuatan eksterordinaran signifon kaj enhavon.

Laŭ nova tutŝtata administrativa organizo ne ekzistas plu landoj, sed regionoj, kaj distriktoj, do mi povas ripeti: Bohemio — geografie — ne estas plu konforma kun la hodiaŭa stato. Kia do tabuo?!?

*Hungario* estas internacia nomo por la *tuta ŝtato*, dum *Bohemio* signifas *nuran parton de Ĉeĥoslovakio,* do la komparo iom lamiras.

Mi ne estus daŭriginta la debaton, nur la aludo pri „naziista redaktoro“ instigis min al la hodiaŭa repliko.

*—u—*

*Letero el Hungarujo.*

*Mecsekszabolcs, 13an de sept. 1949.*

## *Karaj Slovakaj Gesamideanoj!*

*Antaŭ kelkaj semajnoj mi sendis al Vi petleteron por gajni korespondantojn. Ricevi korespondantojn por miaj junaĝaj lernantoj ne estas facile — tion mi bone scias — sed mi esperis, ke troviĝos iu, kiu emos skribi foje-foje al mi. Kiel mi skribis, mi instruas Esperanton. Ĵuse nun, dum sekvonta semajno mi komencos kurson por 25 aŭskultantoj. Kiu lernas, tiu interesiĝas, kaj mi ŝatus rakonti al ili unue pri niaj najbaraj gesamideanoj kaj, eĉ, se estus eble, interkonatigi kelkajn por korespondado. La lernantoj estas plejparte ministoj aŭ iliaj familiomembroj, kaj kun granda entuziasmo pretiĝas je la unua esperanto-kurso en la loko.*

*Mi mem lernis la lingvon antaŭ 12 jaroj. Post kelkjara ekzercado mi forlasis ĉion pro la milito kaj pro malbonaj cirkonstancoj. Jarojn longe mi ne legis, ne korespondis eĉ ne parolis la iam tiom ŝatatan lingvon. Antaŭ jaro ni translokiĝis al malnova, bela urbo Pécs. Promenante tra la stratoj mi legis la surskribon sur tabulo „Strato Esperanto“. Pensante, ke tie ĉi estas esperantistoj, mi komencis pridemandi kaj surprizite mi aŭdis, ke neniu konas la internacian lingvon. De tiu tempo mi studadis dum tuta vintro. Ĝis Pentekosto mi iĝis preta kun la ekzamena materialo kaj nun mi faras mian duan kurson. La unua estis por la junuloj, kiuj fiere portadas la kvinpintan verdan stelon.*

*Do pardonu al mi, karaj gesamideanoj, la denovan klopodon: Se estus eble, mi volonte interŝanĝus kartojn, esperantlingvajn librojn (gazetojn) aŭ diversajn aĵojn, kiuj servas la interamikiĝon inter niaj landoj.*

*Kaj nun mi finas mian leteron, esperante ricevi baldaŭan respondon.*

*Kun kora samideana saluto*

*Siklósiné Leszkó Margit,*
*MECSEKSZABOLCS, Arany-János u. 13.*
*Hungarujo.*

## NI RECENZAS

### GRANDA SLOVAKA LERNOLIBRO de la INTERNACIA LINGVO ESPERANTO.

Komparante tiun ĉi lernolibron de J. V. Dolinský — prezidanto de Slovaka Esperanto-Instituto — kun la ĝis nun aperintaj Esperantolernolibroj por Slovakoj, oni tuj rimarkas, ke ĝi ne senmerite portas la epiteton *granda*. Kaj ĝin foliumante, oni konstatas, ke la epiteto koncernas ne nur la amplekson, sed ankaŭ la enhavon de la libro.

La aŭtoro ne forgesis funde konigi al la lernanto ĉiun parton de la gramatiko, klarigante en apartaj ĉapitroj la Esperantajn fonetikon, akcenton, artikolon, ortografion eĉ la dividadon de la vortoj. La instru-materialon li grupigis en *dudek lecionoj,* komencante per legado de malfermitaj, poste fermitaj silaboj akcentaj. La neglekto de tiu ĉi ŝajne negrava parto de lingvo-studado, trovebla en la ĝis nun uzitaj lernolibroj, sekvigas la nedezirindan rezulton precipe ĉe la memlernantoj, kies Esperanta elparolo estas multakaze difekta kaj erara.

La ekzercoj (escepte la tri unuajn) konsistas el partoj:

a) *gramatika,* en kiu estas klarigata la uzado de diversaj afiksoj, la tempoformoj kaj modoj de la verboj kun utilaj rimarkoj.

b) *vortara* kun vortoj uzitaj en la sekvaj modelaj frazoj kaj legaĵo kaj

c) *legaĵa.* La legaĵo koncernas ĉiam la familian vivon de instruisto-esperantisto Králik. Ĉiu ekzerco finiĝas per demandaro, kies celo estas paroligi la kursanojn pri la legita artikolo kaj tiamaniere ekzerci ilin en la praktika uzado de la lingvo.

Iuj ekzercoj finiĝas per traduka tasko. *Slovakaj popolkantoj* (kun muziknotoj) agrabligas ne unu el la ekzercoj. Eĉ „La Espero“ kun la konata melodio ne mankas.

En la dua parto de la gramatiko (kiu sekvas post la ekzercoj kaj kies celo estas pliprofundigi la prilingvajn konojn de la lernanto), oni trovas *paradigmojn* deklinaciajn kaj konjugaciajn en ĉiuj tempoj kaj modoj, detalajn klarigojn pri la uzado de *prepozicioj* kaj tabelvortoj. Menciinda estas ankoraŭ la kvara parto de la libro kun titolo *Diversaĵoj.* Ĝi enhavas multajn *gravajn bagatelaĵojn,* listojn de *umvortoj, mallongigoj,* ktp. Ne mankas ja eĉ la tradukoj de la taskoj por memkontrolo.

La libro estos eminenta por ĉiu kursgvidanto kaj pro siaj netaj klarigoj ĝi plenumos sian taskon ankaŭ ĉe la memlernado. Ni povas ĝin nur rekomendi.

Mendebla ĉe: *Slovakotour,* Trenčín. Prezo de unu ekzemplero 128-paĝa estas Kčs 65.— afrankite, ĉe mendo de dek pecoj unu ekzemplero aldone. La libro estas liverata nur kontraŭ antaŭpago.

### ESPERANTO 60-JARA.

*Esperanto 60-jara.* Skizo pri la evoluo de la lingvo literatura. Originale verkita de G. J. Degenkamp. Eldonis Libroservo de Flandra Ligo Esperantista, Amsterdam-W, Roelantstr. 4, Nederlando. —

La 60-paĝa libro estas fundamenta kaj nemalhavebla historie-teoria helpilo por ĉiuj, kiuj volas pliprofundigi sian scion pri nia lingvo. La libro montras al la esperantistaro, kia estis la infana aĝo de Esperanto kaj kiom ĝi evoluis ĝis hodiaŭ. Kvankam ĝis hodiaŭ ne realiĝis la revo, ke Esperanto fariĝu tutmonde uzata internacia helplingvo, ta-

men oni povas noti, ke ĝi ne estas plu konsiderata kiel utopio. Ankaŭ la lingvo evoluis tiel, ke ĝi adaptiĝis al la praktikaj bezonoj, ĝi fariĝis egalvalora al la naciaj lingvoj kaj montriĝis taŭga ankaŭ por literatura uzado. Tio tamen ne signifas esencan ŝanĝon, kiel atestas du ekstremaj ekzemploj, aldonitaj ĉe fino de la verko. „Neĝa blovado" de Puŝkin, tradukita de Antono Grabovski el la unua jaro de ekzisto de nia lingvo kaj fragmento el „Cezaro" de M. Jelušić, jam vere artiste tradukita de J. Rotkvić. — Facile estas nun kritiki la mallertecon, eĉ erarojn de la fondinto kaj unuaj pioniroj, sed ni ne forgesu, ke dum ili estis devigitaj esploradi, serĉadi, provadi, kompari, la hodiaŭaj verkistoj devas nur elekti el la vortriĉeco, kiun ili postlasis al ni. Kvankam multaj, tro fervoraj verkistoj proponadis ŝanĝojn eĉ kontraŭ la spirito de la lingvo, ili ne sukcesis forturni ĝian evoluon el la limoj de „Fundamento", kiu montriĝis ne baro, sed male: vere fidinda bazo de ĝia disflorigo en ĉiuj kampoj de spirita laboro...

Kia estas la diferenco inter tradukaĵoj el unu nacia lingvo en alian kaj el nacia lingvo en Esperanton? La lasta devas esti pli logika, pli ekzakta, tamen la bonaj tradukoj evoluigis eble pli multe la lingvon ol la originalaj verkoj, ĉar ili alportis ankaŭ la diversnacian ĉarmon. —

La ĉapitro „Eksperimentoj" okupiĝas pri la unua Zamenhofa lernolibro, pri ĝiaj majstraj poemetoj kaj vortoj kun alia formo ol nun uzata; krome pri la unua kaj dua Ekzercaroj, fine pri la verkoj de A. Grabovski — la unua modernulo — kaj aliaj pioniroj, kies stilon prijuĝas ankaŭ la ĉapitro „Klasikuloj". Zamenhof mem libere uzadis la lingvon kaj ne postulis de siaj kunlaborantoj obeemon, tamen li donis la plej belajn modelojn de stilo kaj arta tradukado, same kiel K. Bein.

Por eviti disfalon de Esperanto je dialektoj, Zamenhof eldonis „Fundamentan Krestomation", kvankam li mem ne povis eviti reformtendencojn, sed proponoj pri ŝanĝoj (ekz. la forigo de supersignitaj literoj) ne estis akceptitaj. La malvenkintoj forlasis Esperanton kaj fiaskis en Ido kaj aliaj. Precipe Th. Cart atentigis la esperantistaron, ke ĝi restu fidela al Fundamento kaj al „Lingva komitato" same kiel al „Akademio".

Sed Esperanto havis jam ankaŭ sian internan forton, kiun ĝi ĉerpis el sia literaturo, senĉese kreskanta kaj fidela al Fundamento. La sekvantaj ĉapitroj instruas nin pri la kvalito de unuopaj originaloj, tradukoj kaj eĉ bibliotekoj, ne ellasante la Plenan Vortaron kaj la Cseh-metodon. Ĉiu pli signifa moderna verkisto estas ĉi tie prijuĝita ankaŭ el vidpunkto de naciismoj, kiujn li alportas. Bedaŭrinde la aŭtoro ĉe Szilágyi, hungara verkisto, vivanta en Svedujo, ne rimarkis, ke la plimulto de liaj laŭditaj esprimoj estas esperantigitaj hungaraj naciaj parolturnoj.

La verko finiĝas per bonvenigo de fondo de „Esperatista Akademio" kaj Literatura Komitato de Nederlanda Asocio de Laboristaj Esperantistoj, kiuj defendas la lingvon kontraŭ plua fuŝado.

*Eliz.*

---

*Esperanto-Klubo en Veselí n/Moravou ČSR* eldonis serion da 10 belegaj artaj fotografaĵoj de moravi-slovakaj ravigaj popolkostumoj. La fotoj surhavas Esperantan klarigon kaj estas liverataj en bele ornamita kovrilo. Prezo Kčs 29.—, eksterlanden 7 rpk. Mendu ĉe *Jaromír Pavlacký* (adreso supre).

# DU GRAVAJ SUKCESOJ

Malmulte da niaj gesamideanoj scias, ke krom la publike farataj klopodoj pri disvastigo de Esperanto kaj plifirmigo de ĝia pozicio en la publika vivo estas farataj ankaŭ klopodoj pri ĝia enkonduko en oficialan uzon. Ĉar kvankam ni kredas, ke antaŭ ĉio la universala, grandamasa disvastigiteco kaj uzado de Esperanto tra la tuta mondo estas la ĉefa forto, kiu povas elbatali por ĝi la meritatan lokon en interhomaj internaciaj rilatoj, tamen ni ne subtaksas eĉ la trapenetradon de Esperanto rekte en oficialajn instancojn.

Kun ĝojo ni hodiaŭ povas raporti pri du gravaj sukcesoj de klopodemuloj, kiuj sen fanfaronado pri preparaj laboroj preferas veni kun jam preta rezulto de sia laboro. Jen do la surprizoj:

Komisiitejo por Informoj kaj Klerigo komence de ĝia deka n-ro eldonas sian oficialan bultenon pri kulturaj okazaĵoj „Kultura Revuo" ankaŭ en Esperanto. Tradukas ĝin s-ano Imro Havas, al kiu apartenas la plej granda merito pri eldonado de tiu ĉi por ni — por la movado kaj por la kultura vivo de Slovakujo — laŭ propaganda vidpunkto gravega bulteno en Esperanto. Ĝi estas dissendata al la plej gravaj esperantistaj redakcioj, asocioj, kluboj kaj unuopuloj tutmonde kaj plenumas tiel per sia informa karaktero gravan interkonatigan kaj interamikigan funkcion, estante samtempe pruvo, ke niaj oficialaj instancoj tamen komprenas la gravecon de Esperanto por internaciaj rilatoj. Ni esperas, ke „Kultura Revuo" ricevos varman aprobon kaj akcepton de ĉiu serioza esperantisto.

La ĉeĥoslovaka poŝto eldonis serion de 32 poŝtbildkartoj, inter kiuj ni vidas 4 kartojn kun Esperantaj motivoj kaj tekstoj. Unu el ili estas dediĉita al T. Sv. Martin. Ĝi prezentas unuflanke vidaĵon el la urbo, dorsflanke estas spaco por adreso kaj sciigo, kaj sube la teksto: *Turčiansky Svätý Martin, sídlo Slovenského esperantského ústavu — sidejo de Slovaka Esperanto-Instituto.*

Specialan atenton meritas la kartoj ĉefe tial, ke ili estas oficiala eldonaĵo de niaj poŝtoj kaj estas do plua pruvo pri uzebleco, ja bezono de Esperanto en internaciaj rilatoj. Pri la kartoj meritiĝis s-ano *O. Ginz* el Praha.

Estas nun devo de ni ĉiuj helpi, ke ambaŭ menciitaj entreprenoj fariĝu plena sukceso kaj malfermu la pordon al pluaj agadkampoj, kie Esperanto povas, sed ankoraŭ ne havis eblecon montriĝi utila, ja eĉ necesa.

## PERSONAJ SCIIGOJ

GEEDZIĜO. S-ano *Aurel Magera* edziĝis la 8an de okt. 1949 al s-anino *Šarolta Kavčáková.* Ili ambaŭ estas anoj de nia grupo en Košice. Plej sincerajn bondezirojn!

VIVJUBILEOJ

la 3-an de nov. 1949 festis la kompletigon de sia 50a vivjaro s-ano *Enfrid Malmgren,* nuna prezidanto de UEA.

La 16-an de nov. 1949 fariĝis 60-jara s-ano *Cecil Charles Goldsmith,* la ĝenerala sekretario de UEA.

Al ambaŭ niaj meritplenaj batalantoj por nia afero ni esprimas niajn plej sincerajn bondezirojn kaj deziras al ili multe da sano kaj forto por plua saĝa gvidado de UEA. Multajn jarojn, karaj samideanoj!



Partoprenintoj de la II-a Regiona Kunveno en N. Mesto nad Váh

DUA REGIONA KUNVENO de esperantistoj en Nové Mesto nad Váhom okazis la 18an de sept. 1949. Partoprenis ĝin 32 ges-anoj el diversaj lokoj de Slovakio kaj el Veselí nad Moravou.

La celo de la kunveno estis priparoli kelkajn organizajn aferojn, antaŭ ĉio la sistemon de lokaj, distriktaj kaj regionaj perantoj, enkondukatan nun en SES. Dum la kunveno akceptis la funkcion de dipe por Trenčín s-ano *I. Klas*, dipe por Trnava s-anino *A. Ozábalová*, dipe por Nové Mesto nad Váh. s-anino *M. Hlinková*, lope por Vereŝvár ĉe Leopoldov s-anino *M. Vereŝvárska*.

La dua parto de la programo de tiu ĉi kunveno estis agrabla ekskurso al la kastelruinoj Čachtice. La vetero favoris kaj la ekskursantoj sentis sin bone.

Regionaj kunvenoj en Nové Mesto n. Váh., jam komencas havi sian tradicion. Similajn kunvenojn ni bezonas ankaŭ en aliaj lokoj kaj regionoj. Kiu urbo aŭ regiono sekvos tiun ĉi imitindan ekzemplon?

—*sema*—

AŬSTRIA ŜTATA TRAFIKOFICEJO STARIGAS SPECIALAN ESPERANTO-SEKCION.

Dum la lasta tempo la aŭstriaj esperantistoj povis raporti pri diversaj sukcesoj, kiujn ili povis atingi. La plej nova sukceso estas, ke la Aŭstria Ŝtata Trafikoficejo oficiale starigis en sia kadro specialan Esperanto-sekcion. Ke la faro fariĝu sukceso, ni nun petas ĉiujn geesperantistojn: skribu gratulkarton al la sube menciita adreso. Ĉiu skribinto ricevos belan prospekton pri Aŭstrujo afrankite per la nova Esperanto-poŝtmarko.

Esperantistoj tutmondaj, komuniku la starigon de la Esperanto-sekcio ĉe la Aŭstria Ŝtata Trafikoficejo ankaŭ al viaj konatoj, ĉu esperantistaj ĉu neesperantistaj. Por vi tiu fakto estu bona propagandilo kaj per tio vi ankaŭ helpas al nia movado. Kaj ne forgesu skribi karton al

Aŭstria Trafikoficejo, Esperanto-sekcio, Fridrichstrasse 7, WIEN, I., Aŭstrujo.

## DIVERSAĴOJ

*Esperanto-Klubo en Trenčín* kunvenas ĉiumerkrede en la Ia Knabina mezlernejo, Palacký-strato. Programo: 18a—19a h.: progresiga kurso, 19a—20a h.: Kunvena programo (kun kantado, ktp.).

TRENČÍN. La 28an de okt. finiĝis la kursoj, kiujn gvidis s-anino Milda Jakubcová el Brnŏ-Židenice. La kursojn finis 27 geanoj.

## ANONCETOJ

(Por eksterlandanoj senpage, por enlandanoj kontraŭ alsendo de Kčs 20.— en pm. Apartaj adresoj ne povas esti liverataj).

Mallongigoj: dez. — deziras; kor. — korespondi; iŝ. — interŝanĝi, -as; pm. — poŝtmarkoj(n), pk. — poŝtkartojn; il. pk. ilustritajn pk, ĉ. l. — ĉiuj landoj, ĉ. t. — ĉiuj temoj, t. m. — tuta mondo; esp-aĵoj(n) — esperantaĵoj(n); esp-isto-esperantisto, ktp. — kaj tiel plu; k. s. — kaj simile; rk. — respondkupono internacia; g — gazeto.

S-ano Stan. Holický, LÍPA u Týniště n/Orl., ČSR, dez. kor., iŝ. il. pk. prospektojn kun t. m. Certe resp.

S-ano Paŭlo Kovács — Zemen, 37-jara fervojĉefoficisto, BÉKÉSCSABA-IV., Eötvös-str. 13., Hungarujo, dez. iŝ. pm. kun t. m. Nur belaj, sendifektaj, grandformataj pm. estas deziras deziataj, kvanto por kvanto aŭ laŭ Zumstein. Respondo ĉiam grantiata.

*Nur kun eksterlandanoj* partoprenantoj de Esperanto-kurso. Skribu al *Esperanto-Klubo*, Veselí nad Moravou, ČSR.

Fratino Jozefina Marečková, verkistino, KOPČANY, okres Skalica, ČSR-Slovakujo, dez. kor. kun verkistoj kaj ĵurnalistoj.

S-ro Ján Andel, grafikisto, VALČA, S. p. Príbovce, okr. T. S. Martin, ČSR-Slovakio, dez. kor. kun grafikistoj kaj verkistoj de porinfana literaturo; dez. iŝ. porinfanajn il. g. k librojn. Respondo garantiata!

S-ano Christopher Whittle, 12-jara, 11. Ferris Ave., SOMERTON, Adelaide, Suda Australio, dez. kor. Interesigas pri mondpaco, sportoj (naĝado), filatelio.

S-ano Mihail Apostolov, 28-ja., ASENOVGRAD, Vinarska 5, Bulgarujo, dez. kor. kun ĉs. gesamideanoj.

Kiuj 12—14 jaraj geknaboj volas korespondi ku 50 Esperanto-lernantoj de ĉeflernejo en Vieno, skribu al: *Esperanto-kurso,* Haŭptschule, WIEN — 17, Lienfelderg. 96, Aŭstrujo.

S-ro Ewald Ebmeier, (21a) BUENDE i. W., Weidemaschstr. 28, Germanujo, Brita zono, dez. kor. kun junulinoj el ĉiuj landoj.

Kiu volas korespondadi kun gesamideanoj el sub Altaj Tatroj, skribu al: Milan Zvara, gimnaziano, POPRAD, Masarykovo nábr. 62, ČSR. Respondo garantiata.

S-ano Frant. Galgóci, VEĽKÉ KOSTOLANY (okr. Piešťany) ČSR-Slovakujo, dez. iŝ. pm. uzitajn kaj neuitajn kun la t. m.

S-ano Mojmír Škopec, studanto, BAJČ 30, ČSR-Slovakujo, dez. iŝ. il. pk. kaj pm. kun t. m.

Mi deziras iŝ. pm. el t. m. kontraŭ ČSR I., II, Slovakujo kaj Protektorato laŭ Zumstein, Ivert. Basis Zumstein, Yvert. Adreso: S-ro A. Koronthály, NOVÉ MESTO n/V., Leninovo 4, ČSR-Slovakujo.

S-ro Kristo Dimitrov Kristov, stud. de gimnazio, Selo GORNO BOTEVO, St. Zagorsko, Bulgarujo, dez. kor.

# Niaj perantoj

AUSTRUJO: *Monda Tribuno, Wien-IX,* Rossauerlände 27. Jarabono 15 ŝil.

BELGUJO: S-ro *Tousseijn Camille,* 35 Statiestraat, Jabbeke. Jarabono bfr. 70.—.

BRITUJO: *U.E.A.,* Heronsgate, Rickmansworth (Herts.) Jarabono 8 ŝilingoj.

FINNLANDO: *Eldono Vilho Setälä,* Kommandittiyhttiö, Onnentie 23, Helsinki — Kä. Jarabono: fmk 250.—.

FRANCUJO. S-ro *Jules Coste,* Cité du Moulin de-Senlis, Montgéron, (S. & O.); poŝtĉekkonto: C. C. P. 45123 Paris. Jarabono: ffr. 420.—.

HUNGARUJO: *Paŭlo Kovács Zemen,* fervoj-ĉefoficisto, Békéscsaba — IV, Eötvös u 13. Jarabono 17 for.

JAPANUJO: S-ro *T. Kurisu,* Hannan-cho, Naka 5-23, Abeno-Ku, Osaka. Jarabono: 300 yenoj.

NEDERLANDO: *Esperanto Film-Grupo,* Antwerpsestraat 45, Bergen-op-Zoom. Jarabono: gld. 4.—.

POLUJO: *Zdzisław Glajcar,* Poznań — 5, Chwiałkowskiego 27/3. Jarabono 380 zl.

SVEDUJO: *Eldona Societo Esperanto,* Fack 19071, Stockholm, Jarabono: 5,75 kr.

SVISLANDO: S-ro *Otto Walder,* Eigenheim, Romanshorn. Jarabono: svfr. 6,75.

KARA LEGANTO, NE FORGESU:

1. Tuj sendi dankleteron al Povereníctvo inform. a osvety (Komisiitejo por Informoj kaj Klerigo), BRATISLAVA, Októbrové nám. 12. ČSR, pro la Esperanta eldono de ĝia Kultura Revuo.

2. Tuj mendi la belegajn folklorajn moravi-slovakajn bildkartojn de Esperanto-Klubo en Veselí nad Moravou, ČSR, serion por minimuma prezo Kčs 29.—, eksterlanden por 7 rpk. Vidu pĝ. 172.

3. Regule aŭskultadi la Verdan Stacion de Praha ĉiu unuan merkredon je la 23.15.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** časopis Slov. esperantského ústavu. Vychádza mesačne. Zakladateľ Arnošt Váňa. — Red. a admin.: Turč. Sv. Martin, Kuzmányho 29. Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zást. Dr. Ľud. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Poštovej sporiteľne S-9615, Slovenský esperantský ústav, Turč. Sv. Martin. — Novin. výpl. pov. Riaditeľstvo pôšt pod č. 22.857-I.-1948. — Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** organo de Slovaka Esperanto-Instituto. Aperas monate. Adreso: T. S. Martin, Kuzmány str. 29, ČSR-Slovakio. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto Dr. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 int. respondkuponoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: KÚS, T. S. Martin.

